1ª jaro. 8ª numero.




# BELGA ESPERANTISTO

## Monata Revuo

REDAKTATA DE

Léon CHAMPY, Fr. SCHOOFS,
VAN DER BIEST-ANDELHOF,
Jer. VAN LAERE,
kaj Oscar VAN SCHOOR

**kun la kunlaborado de multaj aliaj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj.**

JUNIO 1909

*ENHAVO :*



*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = 16 sd.*

ANTVERPENO
(Antwerpen — Anvers)
Eldonanto : Fr SCHOOFS, 49, Kleine Beerstraat (Rue de la Pte Ourse).

# Belga Ligo Esperantista

## ĈIUJARA KOTIZAĴO:

(JAARLIJKSCHE BIJDRAGE — COTISATION ANNUELLE):

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires . . . . . . . . . . Fr. 1.00
Protektantaj membroj (Beschermende leden. — Membres protecteurs) . . . . . . . Fr, 10.00
Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners. — Membres bienfaiteurs) . - , . . . . . Fr. 25.00

---

## Honora Komitato:

S^roj F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.

D^ro V. DESGUIN, Skabeno de la Publika Instruado, Antverpeno.

DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antverpeno.

D^ro GASTER, Direktoro de la Germana Lernejo, Antverpeno.

Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.

Frato IZIDORO, profesoro ĉe la Reĝa Instituto de Surdmutuloj kaj de Blinduloj, Woluwe-Bruselo.

Senatano LAFONTAINE, Bruselo.

Generalo LEMAN, Komandanto de la Militista Lernejo Bruselo.

MOURLON, Direktoro de la Geologia Oficejo, Bruselo.

O. ORBAN, profesoro ĉe la Universitato Lieĝo.

ERNEST SOLVAY, senatano, Bruselo.

# AGADA KOMITATO:

Prezidanto: S-ro Van der Biest-Andelhof, 26, Arendstraat (Rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers).
Vice-Prezidantoj: S-ro A.-J. Witteryck kaj S-ro Abato Richardson.
Generala Sekretario: S-ro L. Champy, 21, Lange Herenthalsstraat (Longue Rue d'Herenthals), Antwerpen-Anvers.
Kasisto: S-ro Osc. Van Schoor, 20, Vondelstr., (Rue Vondel) id.

## Membroj elektitaj de la Ĝenerala Kunveno:

S-roj L. Champy, (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers, D-ro R. Van Melckebeke kaj Osc. Van Schoor (Antverpeno).

## Delegitoj de la Grupoj:

ANTVERPENO (1) (*Antverpena Grupo Esperantista*), S-roj Ad. Finet, Van der Biest-Andelhof.
» (*La Verda Stelo*), S-roj J. B. Istace, Fr. Schoofs.
BERCHEM (*Berchema Grupo Esperantista*), S-roj Ad. Goossens, Ant. Havermans.
BEYNE-HEUZAY (*Antaŭen*), S-roj Jules Albert, D-ro Dupont.
BOOM (*Booma Grupo Esperantista*), S-ro Jules Clerbaut.
BRUĜO (2) (*Bruĝa Grupo Esperantista*), F-ino B. Ledène, S-ro A. J. Witteryck.
BRUSELO (3) (*Pioniro*), F-ino A. Guilliaume, S-ro Oct. Chalon.
» (*La Zamenhof*), . . . .
HUY (*Esperantista Grupo*), S-ro H. Thiry.
KARLOREĜO (4) *Karloreĝa Grupo Esperantista*), S-ro L. Delvaux
MARIABURG (*Verda Flago*), S-ro Fr. Willemsen.
MORESNET-BELGA (*La Fidelaj Amikoj de Zamenhof*), S-ro P. J Schmetz.
MORESNET NEŬTRA (*Amikejo*), S-ro Karl Schriewer.
NAMUR (*Namura Stelo*), S-ro A. Verbeken.
NIVELLES (*Grupo Esperantista*), . . . .
S-a TRUDO (5) (*Excelsior*), S-ro Fr. Leenen.
» (*Stelo Matena*), S-ro Pol Stappers.
VERVIERS (*Esperantista Grupo*), S-ro Jos. Parotte.

---

(1) Antwerpen, Anvers. — (2) Brugge, Bruges. — (2) Brussel Bruxelles. — (4) Charleroi. — (5) St Truiden, St Trond.

# ESPERANTA GAZETARO

## I. — SPECIALAJ GAZETOJ :

**Oficala Gazeto Esperantista.** — 5 fr. — *51, rue de Clichy, Paris.*
**La Esperanta Kolektanto.**— 2 fr.— *Weltwarte*, Leipzig St, (Germanujo).
**Esperanta Ligilo**, en reliefpunktoj, por blinduloj. — 3 fr. — Th. Cart, *12, rue Soufflot, Paris.*
**Espero Pacifista.** — 5 fr. kun laŭvola aligo al la Esperantista Societo de Paco. — Gaston Moch, *26, rue de Chartres, Neully sur-Seine* (Francujo).
**Espero Katolika.** (4 fr.) 5 fr. — Administrejo 23, *rue Joubert, Paris.*
**Internacia Pedagogia Revuo** — 2 fr. 75.— en *Bystrice-Hostyn* (Aŭstrio, Moravio).
**Internacia Scienca Revuo.** — 7 fr. — Internacia Scienca Oficejo, *8, rue Bovy-Lysberg, Genève* (Svisujo).
**Tra la Filatelio**, internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj.— (2 fr.) 2 fr. 50 — Fize, *au Patissou, Béziers* (Francujo).
**Voĉo de Kuracistoj.** — 2 fr. 50. — Dro Stephan Mikolajski, 6, strato Sniadeckic, *Lwow* (Austrio).
**Export-Esperantist.**— (Esp.-Angle) 5 fr. — *404, Security Bdlg, Chicago*, Ill. U. S. A.

## II. — ĜENERALAJ KAJ BELETRISTIKAJ GAZETOJ :

**Eĥo Esperantista.** — 2 fr. 50. — J.-H. Schorer, *Wilhelmstr., 29, Berlin.*
**Esperanta Internacia Revuo**, industria, komerca, eksporta, filatelia reklama kaj literatura. — 5 fr. 15. — *Ulloi-ul, 59, Budapest.*
**Esperanto**, dusemajna. —(4 fr.) 5 fr. — Librairie de l'Esperanto, *15. rue Montmartre, Paris.*
**Espero** (Ruse), internacia revuo de la kultura unuigo de popoloj, organo de la Societo *Espero* — 10 fr. — *Vjestnik Znania, 147, Nevsky pr., Peterburgo.*
**Juna Esperantisto**, Por junuloj, instruistoj kaj lernantoj. — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, *33, rue Lacépède, Paris.*
**La Bela Mondo**, ilustrata.— (Mk 6) fr, 7,50 — F. Emil Boden, *12, Bismarckplatz, Dresden.*
**Lingvo Internacia.** — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, 33, *rue Lacépède, Paris.*
**La Revuo**, literatura, kun konstanta kunlaborado de Dro Zamenhof.— 7 fr.— Hachette, 79, *rue Saint-Germain, Paris.*
**La Spritulo**, gazeto por ŝerco, humoro kaj satiro, — 3 fr.— Richard Bresch, Körnerstr., 31, *Leipzig* (Germanujo).

## III. — NACIAJ PROPAGANDAJ GAZETOJ :

*Alĝerio* — **Afrika Esperantista** (France).— Senpaga por la membroj de la grupo de Alger.— 4, *rue du Marché, Alger.*
*Aŭstralio.* — **The Australian Esperantist.** — 0 fr. 30 por ĉiu numero.— R. Dossor, *Bridgestreet, Benalla* (Viktorio).
*Austrio.*—**Informaj Raportoj** (Germane).— 2 fr 50.— K. F. Ahlgrimm, *Bandgasse, 31, Wien* VII/1. (Vidu ankaŭ : *Bohemujo).*
*Azia Turkujo.* — **Greklingva Esperantisto.** (Greke-Esp.) — (Piastr. 11.35) 3 fr. — *Samosa Esperantista Societo*, Samos (Azia Turkujo.
*Belgujo.* — **Belga Esperantisto** (Esp , Flandre kaj France) — (4 fr.), 5.00). — Osc. Van Schoor, *20 Vondelstraat, Antwerpen.*
*Bohemujo.* — **Časopis Českych Esperantistu** (Boheme). — (3 Kr.) 3 fr, 75. — *Praha II.*
*Bohemujo.* — **Bohema Esperantisto** (Esp., kaj Boheme). — 4 fr., 25. — Red., *Praha III*, 495 (J, Iglauer), Adm., en *Jeviĉko* (Aŭstrio, Moravio).
*Brazilo.* — **Brazila Esperantisto** (Portugale), — 6 fr, — *Largo de S. Francisco do Paula*, 4, Sob., *Rio de Janeiro.*
*Britujo.* — **The British Esperantist** (Angle). — (3 ŝil.). 4 fr. — *Museum Station Buildings*, 133-136, *High Holborn Londen. W. C.*
*Britujo.* — **La Esperanta Instruisto** (Angle). — (1ŝ. 6 p.). 2 fr. 50, — *Stead's Publishing House*, 39 *Whitefriars street Londen, E. C.*
*Britujo.* — **La Londona Gazeto** (Angle). — C. A. Fairman, 70 *Romola-road, Herne Hill*, London S. E.
*Bulgarujo.* — **Lumo** (Bulgare). — (3 fr. 50) 5 fr. — *Tirnova.*
*Ĉilo.* — **Ĉilo Esperantista** (Hispane) — 2 fr. — *Casilla* 1989, *Santiago.*
*Ĉilo*, — **La Du Steloj** (Hispane). — 5 fr. — 1437, *calle de la Catedral, Santiago.*
*Ĉilo.* — **Esperantaj Skribajoj** (Hisp.). — 1 fr. — *Casilla* 1284, *Santiago*

1a JARO. JUNIO 1909. 8a NUMERO.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO,

redaktata de Léon Champy, Fr. Schoofs, Van der Biest-Andelhof, Jer. Van Laere kaj Oscar Van Schoor.

ABONPREZO :

| | | |
|---|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— | (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— | (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 | (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen Anvers.

Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.

Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# Belga Ligo Esperantista

## KONGRESO DE 1909

*Antverpeno, la 26an de Majo 1909.*

*Estimata Samidean(in)o,*

Ni havas la honoron inviti vin por ĉeesti la **BELGAN ESPERANTISTAN KONGRESON**, organizotan en Verviers, okaze de la ĉiujara kunveno de la *Belga Ligo Esperantista*.

Tiu ĉi kunveno, kiu alprenos tiun ĉi jaron la proporciojn de kongreso kaj kies programon vi legos dorsflanke, estos, pli ol iam, tre interesa. La Urbestraro de Verviers oficiale salutos la gekongresanojn en la Urbdomo kaj niaj Verviers'aj amikoj rezervas al ili festan, plej agrablan akcepton.

Ni esperas ke, konsiderante la gravecon de la tagordo kaj la ŝatindan novan formon de la ĝenerala kunveno de la *Belga Ligo*, la Geesperantistoj multnombre respondos al nia alvoko.

Ni prezentas al vi, Estimata Samidean(in)o, nian plej afablan saluton.

*La ĝenerala Sekretario,* **Léon CHAMPY.**

*La Prezidanto,* **VAN DER BIEST-ANDELHOF.**

# Ia Belga Esperantista Kongreso

## TAGORDO

de la ĝenerala kunveno de la **Belga Ligo Esperantista** okazonta en **Verviers**, Dimanĉon la 27an de Junio 1909, je la 11a matene, akurate.

Kunvenejo : Salono de la societo **Aide Mutuelle**, Rue Xhavée, 9

1e Parolado de la Prezidanto.

2e Raporto de la Sekretario pri la ĝenerala kunveno de la 20a de Septembro 1908.

3e Raporto de la Sekretario pri la agadoj de la Ligo dum 1908-1909.

4e Raporto de la Kasisto. Bilanco.

5e Disdono de la diplomoj pri profesora kapableco.

6e Literatura konkurso. Disdono de premioj.

7e Revizio de kelkaj artikoloj de la regularo.

8e Propagandaj rimedoj.

9e Elekto de ses membroj de la komitato, laŭ Art. 7a de la regularo. La elirantaj komitatanoj estas S-roj L. Champy (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers, D-ro R. Van Melckebeke kaj O. Van Schoor (Antverpeno). Ĉiuj estas reelekteblaj.

Por ebligi al la Ĝenerala Sekretario la efektivigon de la punkto 3a la grupoj estas petataj sendi al li *senprokraste*, raporton pri siaj agadoj dum la pasinta jarperiodo.

## PROGRAMO

DE LA

# Ia Belga Esperantista Kongreso

**VERVIERS, la 27an de Junio 1909.**

10 1/2 h. — (tre akurate). Akcepto de la kongresanoj delegitaj en la Urbdomo, de la Skabenaro kaj de la Komunuma Konsilantaro.

11 h. — Ĝenerala kunveno de la B. L. E. en la granda salono de « Aide Mutuelle », rue Xhavée, 9.

13 h. — Festeno en la « Chalet des Boulevards », Avenue Peltzer, 32.

15 1/2 h. — Intima festo (koncerto kaj balo) en la somera salonoj de la « Chalet des Boulevards ».

Je Lundo la 28$_a$, ekskurso al la Barejo de la Gileppe, tra la arbaroj de Herremont kaj de la Borchène, ĝis la limoj de la arbarego Herzogenwald.

La kosto de la festmanĝo, sen trinkaĵo, estas fr. 2.50 (= Sm. 1). La Verviers'a organiza komitato petas la Prezidanton de ĉiu grupo kolekti la enskribprezon de ĉiuj partoprenontoj, kaj sendi la opan sumon al S. **Jos. Pirnay**, Rue Xhavée, 9, plej malfrue la 20an de Junio.

# Al Verviers !

Ni faras varman alvokon al niaj samideanoj por ke ili multnombre ĉeestu la Verviers'an kongreson.

La programo, kiun la nuna numero de B. E. publikigas, montras la gravecon de la kunsido kaj la klopodojn de niaj Verviers'aj amikoj, kiuj nenion preterlasos por agrabligi la restadon de la kongresanoj en sia ĉarma urbo.

La Urbestraro oficiale akceptos la membrojn de la kongreso : jen kvazaŭ historia fakto en nia movado, kiun ĉiuj Esperantistoj ĝoje konstatos.

La kunveno de multnombraj esperantistoj okaze de la kongreso ebligos al ili la elmontron de iliaj reciprokaj sentoj de simpatio kaj de amikeco ; ĝi pruvos ilian fidon en la B. L. E. ; ĝi estos atesto de fideleco al nia kara Majstro D-ro Zamenhof kaj al la esperantista estraro, kiu reguligas la evolucion de nia lingvo.

Precipe laŭ tiu senco, la Verviers'a kongreso havas grandan signifon.

Diversaj fremdlandaj esperantistoj estas invititaj kaj akceptis la inviton.

Ni interŝanĝu kun ili la manpremon de samideana frateco !

Belgaj esperantistoj, ĉiuj al Verviers !

Ĝis agrabla renkonto, la 27an de Junio !

B. E.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## REGULARO (1)

### I. — Celo kaj Agado

ART. 1.—Sub la titolo : « *Belga Ligo Esperantista* » estas fondita societo de adeptoj kaj aprobantoj de Esperanto en Belgujo.

ART. 2. — La « *Belga Ligo Esperantista* » celas propagandi, ekster ĉia politika aŭ religia demando, la helpan lingvon internacian Esperanto, kaj pligrandigi la interrilatojn de Belgujo kun la eksterbelgaj landoj.

Art. 3.— Por trafi tiun celon, la Ligo kreas monan kapitalon por helpi la grupojn, garantii la vivadon de l'oficiala organo de la Ligo, eldoni kaj dissendi ĉiuspecajn presaĵojn propagandajn, organizi paroladojn, kursojn kaj ekspoziciojn Esperantajn, kaj efektivigi ĉiajn projektojn kiuj, post matura pripenso de la komitato de la Ligo, montriĝis utilaj, aŭ helpi al efektivigo.

### II. — Liganoj, ligaj grupoj, kotizaĵoj.

ART. 4. —La Ligo konsistas el liganoj kaj ligaj grupoj.

ART. 5. — La kotizaĵoj de la liganoj estas jenaj :

*a)* Ĉiuj liganoj pagas ĉiujaran kotizaĵon da almenaŭ 1 fr. aŭ sumon da 25 fr., pagatan unu fojon por ĉiam.

*b)* La liganoj, kiuj donas ĉiujaran kotizaĵon da almenaŭ 10 fr. aŭ sumon da 200 fr., pagatan unu fojon por ĉiam, estas nomataj *Protektantaj Liganoj.*

*c)* La liganoj, kiuj donas ĉiujaran kotizaĵon da almenaŭ 25 fr. aŭ sumon da 500 fr., pagatan unu fojon por ĉiam, estas nomataj *Bonfarantaj Liganoj.*

La protektantaj kaj bonfarantaj liganoj ricevas de la Ligo la oficialan organon.

ART. 6. — Ĉiuj lokaj aŭ regionaj esperantistaj grupoj povas fariĝi ligaj grupoj kondiĉe (*)

*a)* ke ili kalkulu almenaŭ 10 grupanojn ;

*b)* ke ilia regularo estu akceptita de la komitato de la Ligo.

(*) La membroj de la ligaj grupoj pagas al sia grupo la ligan kotizaĵon, en laŭ ekster la grupa kotizaĵo, laŭ regulo difinota de ĉiu grupo (Rimarko de la komitato).

### III. — Organizacio kaj funkciado de la Ligo.

ART. 7. — La estraro de la Ligo konsistas el honora kaj direktanta komitato.

Nur la direktanta komitato proponas kaj akceptas la membrojn de la honora komitato.

La direktanta komitato konsistas

*a)* el ses liganoj elektataj ĉiujare en la ĝenerala kunveno montrata en la art. 12.

*b)* el la delegitoj de la grupoj.

La direktanta komitato elektas ĉiujare inter siaj membroj unu prezidanton unu ĝeneralan sekretarion kaj unu sekretarion-kasiston.

ART. 8. — Ĉiu liga grupo, kalkulanta almenaŭ 25 grupanojn, sendas 1 delegiton al la Komitato ; ĉiu grupo kalkulanta almenaŭ 75 grupanojn sendas 2 delegitojn.

---

(1) Ni publikigas la oficialan tekston de tiu regularo, por faciligi la diskutadon pri ĝia revizio.

La regularo datumas de la 30ª de Junio 1905 kaj estas iomete ŝanĝita dum la ĝenerala kunveno de la 28ª de Julio 1907

La grupoj elektas ĉiujare siajn delegitojn, kelkajn tagojn antaŭ la ĝenerala kunveno montrata en la art. 12.

Art. 9. — La direktanta komitato tuj anstataŭigas la komitatanojn, elektitajn de la ĝenerala kunveno, kiuj eksiĝas aŭ mortas ; ankaŭ la grupoj tuj anstataŭigas siajn delegitojn eksiĝintajn au mortintajn.

Art. 10. — La direktantanta komitato kunvenas almenaŭ tri fojojn ĉiujare : nur la ĉeestantaj komitatanoj povas voĉdoni.

La komitato povas voĉdoni nur se almenaŭ la duono de ĝiaj membroj ĉeestas la kunvenon. En okazo de ne-voĉdono pro nesufiĉa ĉeesto de la komitatanoj, dua kunveno povas decidi pri tiuj jam priparolitaj demandoj kioma ajn estas la nombro da ĉeestantoj en tiu dua kunveno.

Se iu delegito ne povas ĉeesti en ia kunveno de l' komitato, li devas sin anstataŭigi laŭ reguloj difinitaj de l' Grupoj mem.

Inter la kunvenoj, la komitatanoj interrilatas per rondirantaj leteroj, sendataj de la prezidanto.

Art. 11. — La direktanta komitato direktas la aferojn de la Ligo kaj la propagandon, konforme je la celo de la Ligo.

En okazo de voĉdono, se la kontraŭdirantaj partoj de la komitato estas samnombraj, la prezidanto sola decidas.

Art. 12. — Ĝenerala kunveno de la Ligo okazas ĉiujare. Ĉe tiu kunveno, inter aliaj, la komitato raportas pri sia agado kaj pri la monelspezoj de la pasinta jaro. La forestantaj liganoj povas sendi letere siajn voĉdonojn, sed nur pri la elektotaj komitatanoj.

La tagordo estas sendata al la liganoj almenaŭ dek tagojn antaŭ la kunveno.

### IV. — Organo de la Ligo. — Ŝanĝoj en la regularo.

Art. 13. — La Ligo elektas kiel sia oficiala organo.....

Tiu ĵurnalo estas tute sendependa de la Ligo. Ĝi enpresas ĉiujn raportojn, avizojn, komunikaĵojn kaj aliajn dokumentojn, kiujn sendas al ĝi la komitato de la Ligo.

Art. 14. — La liga jaro, same kiel la ĵurnala jaro, komencas la 1an de Septembro.

Art. 15. — Nur la Ligo, per ĝenerala voĉdonado, povas fari ian ŝanĝon en la jena regularo. Por ke la proponita ŝanĝo estu akceptata, ĝi devas ricevi la 2/3 de l' voĉoj.

Art. 16. — La demandoj, je kiuj ne respondas iu artikolo de la jena regularo, estas solvataj de la direktanta komitato.

---

## Ĝenerala kunveno de la belgaj oficistoj de la Universala Esperantista Asocio (U.E.A.)

La Pentekostan lundon (31an de Majo) okazis en la koketa urbeto Huy tre grava kaj tre interesa kunveno de la delegitoj, sub-delegitoj kaj konsuloj de U. E. A. Tiu tutmonda societo kalkulas jam pli ol 600 oficistojn en pli ol 500 urboj el 43 diversaj landoj.

La kunveno okazis en la « Hôtel de l'Aigle noir » je la 10 1/2a matene. 22 membroj ĉeestis, 13 aliaj sendis raportojn aŭ senkulpigajn leterojn.

S-ro Abato Richardson, Vic-Prezidanto de la B. L. E. prezentis malgrandan raporton pri la intimaj rilatoj inter la U. E. A. kaj la B. L. E. La rektaj celoj de la du societoj estas

esence diversaj : efektive la Belga Ligo celas la propagandon de Esperanto kaj la varbon de novaj adeptoj al ĝi ; siaflanke U. E. A. celas prezenti servojn al la esperantistoj per Esperanto kaj praktike utili al la komercistoj, industriistoj, turistoj kaj studentoj.

U. E. A. kaj B. L. E. povas prezenti unu al la alia reciprokan ĉiaman interhelpon : B. L. E. valorigos la senperan, pratikan profiton de U. E. A., — U. E. A. trovas siajn klientojn inter la esperantistoj, kiuj, kuniĝintaj, pligrandigos la B. L. E.

La parolanto tutkore gratulis la belgajn esperantistojn pro ilia senlaca, kuraĝa propagando kaj pro ilia energia atesto de fideleco al la Zamenhofa Esperanto. Li faris alvokon al la fervoro de la ĉeestantoj, por ke, siaflanke, ili ageme klopodu por la disvastigado de U. E. A. Por trafi tiun celon, intima unueco inter U. E. A. kaj B. L. E. estas nepre necesa.

* * *

S-ro Landenne, el Huy, raportis pri la historio de U. E. A. en Belgujo kaj pri ĝia nuna stato. En nia lando ekzistas jam pli ol 30 oficistoj de U. E. A. Ni esperu, ke antaŭ la fino de la nuna jaro, ĉiu belga urbo havos almenaŭ unu delegiton aŭ subdelegiton de la Asocio.

La raportoj de la delegitaj estis tre interesaj ; ili montris la multnombrajn servojn faritajn al Esperantistoj anglaj, rusaj, francaj, holandaj kaj alilandaj en la plej diversaj fakoj : komerco, turismo, edukado eĉ en medicinaj aferoj. Per U. E. A. fremdlanda malsanulo trovis la adreson de klinikejo ; multnombraj turistoj ricevis sciigojn pri hoteloj kaj restoracioj ; al studentoj oni donis informojn pri lernejoj.

Fine la kunveno pridiskutis la plej bonajn novajn rimedojn por propagandi Esperanton. Oni decidis la fondon de « Propagandista Societo », aro da geparolantoj kiuj donos konferencojn pri esperantoj en la diversaj belgaj urboj. Kelkaj gesinjoroj prezentas siajn servojn al la B. L. E., kies prezidanto estos la direktoro de la nova entrepreno. Ili estas jam sesope, oni povas esperi ke baldaŭ ilia nombro duobligos.

Oni decidis ankaŭ pri aliaj propagandiloj : konstantaj rilatoj inter ĉiuj oficistoj de U. E. A., abono al nia naca revuo « Belga Esperantisto », starigo de gvidistaro esperantista dum la ekspozicio internacia de Bruselo dum 1910 kc.

Post la kunsido, la membroj tagmanĝis kune en la « Hôtel de l'Aigle noir », kaj faris belan ekskurson tra la pentrindaj ĉirkaŭaĵoj de Huy.

Oni disiĝis iom malĝoje, sed kun entuziasma « Ĝis la revido ! »

Tiu revido okazos la 27an de Junio, dum la kongreso en Verviers, kiun ĉiuj promesis ĉeesti. A. R.

# GRATULOJ

La 25an de Majo edziĝis en Sint-Niklaas (Orienta-Flandrujo), nia bona amiko S-ro Julio Clerbaut, prezidanto de la Boom'a Esperantista Grupo, kun F-ino Karolino Van Oppens.

B. E. prezentas al la simpatiaj junaj geedzoj siajn plej sincerajn gratulojn kaj tutkorajn bondezirojn por ilia longdaŭra feliĉo. B. E.

# La gepatraj lingvoj kaj Esperanto

Nia bona kunfrato, «Tutmonda Espero» el Barcelono, enpresas en sia Maja numero la belan artikolon de S-ro Patrick Parker, aperintan antaŭ du monatoj en « Belga Esperantisto ».

La hispana revuo sekvigas la viglan pledadon de nia estimata kunlaboranto de kelkaj pripensoj, kiujn ni ne povas preterlasi komuniki al niaj legantoj, kaj kiujn ni plene aprobas :

Al ni, idoj de tiu ĉi lando kiu tiom laboradis por la defendo de sia lingvo, la ideo devas ŝajni bonega. Ne nur pro tio, ke la estonta ligo helpus la konservadon de nia kara kataluna lingvo, sed pro nia amo al Esperanto mem.

Ofte oni diras al ni, ke Esperanto post longtempo mortigos la naturajn lingvojn ; la plej bona respondo kiun ni povas aldoni, estas starigi, per Esperanto, ligon por ilin konservadi. Tiamaniere vidante ĉiuj, ke la esperantistoj ne estas malamikoj de siaj gepatraj lingvoj, sed kontraŭe ke ili uzas Esperanton kiel ilo por defendi ilin, multaj el tiuj kiuj nun nin atakas enirus entuziasme en Esperanton.

Por Esperanto ! por nia kataluna lingvo ! Sendu vian aliĝon al S-ro Parker !

E. PELLICER.

# Internacia kongreso por plibonigi la blindulsorton, en Napoli (Italujo)

30an de Marto — 3an de Aprilo 1909.

## Graveco de Esperanto en la Blinduledukado

*(Parolado de Frato Izidoro)*

(FINO)

Kie do kuŝas la kaŭzo de tiu nekontentiga situacio ?

1e En la multkosto de la libroj kaj gazetoj, kiu estas de dek-ĝis dudekobla la kosto de ordinaraj presaĵoj ;

2e En la ega elementeco de la presilaro ; la presejoj nur ekzistas en la institutoj, kaj tie la presado nur povas esti flanka afero, nur povas produkti la nemankeblan, la urĝe bezonan. Por tia laboro oni ne povas pripensi la pliperfektigon de la presilaro.

3e Kaj precipe en la lingva malsameco, kiu dispecigas la miljonopan blindularon en centopaj grupoj ; kiu konsekvence igas sensignifan la nombron da libro-aĉetantoj, kaj malpermesas nian reliefpresadon fariĝi industrio ; kiu, po granda parto,

kaŭzas la multkoston de la presproduktado ; ja kiu estas la la kaŭzo de l'kaŭzoj.

Nur internacia lingvo, en ĉiuj institutoj kaj al ĉiuj blindŭloj instruata, povas doni al nia presado taŭgan evolucion, al la literatura kaj scienca instruado de l'blindŭloj, veran signifon.

Sed, ĉu la studo defremdaj lingvoj ne plibonigus la situacion? Ni vidu : En malgrandaj landoj dulingvaj, oni pro neceseco lernas tiujn du lingvojn ; en tiaj landoj unulingvaj, la plej inteligentaj blindŭloj lernas unu, kelkfoje du lingvojn de proksimaj popoloj : sed en la grandaj landoj, kie oni povas samtempe esti klera kaj nur koni sian nacian lingvon, oni, en la blindulejoj, ne trovas tempon por fremdlingva studado. Tamen de niaj unuaj kongresoj ĝis nun oni ĉiam proklamis la utilecon de la fremdaj lingvoj por la blindŭloj, kaj en tiu fako neniun progreson ni faris dum tri kvaronojn de jarcento... Kial ?. .

Ĉar tiu studo estas ege malfacila en si mem, pli malfacila en niaj institutoj pro manko de tempo, de lernolibroj kaj vortaroj reliefe presitaj, de profesoroj sufiĉe lertaj pri la fako, en unu vorto, de ĉio nepre bezona.

Kial plie ?... Car tiu studo, eĉ plej bone prizorgata, eĉ plej multon ĉirkaŭanta, restas tamen fatale nekompleta ; ĉar pro tiu nekompleteco, ĝi ne donas sufiĉe da tutaj kaj individuaj profitoj, kaj efektive perdas sian utilecon kaj gravecon.

Sed la situacio estus tute alia kun la internacia lingvo Esperanto, ĉiam instruata, tiom facile lernebla.

De malpli ol dek jaroj oni komencis propagandi Esperanton ĉe la blindŭloj, kaj la rezultatoj jam estas ŝatindaj.

Kiam, en 1902a dum la Brusela kongreso, Doktoro Dor el Lyon, parolis pri nia afero, ne dek kongresanoj komprenis, kaj liaj vortoj, kiel neatentindaj grajnoj, falis kvazaŭ perdiĝinte en ne preparitan teron. Tamen ili ne perdiĝis : Sinjoro Jamin, fervora esperantisto, ilin elterigis, ilin transplantis en la Woluwan blindulĝardenon, kaj tie ili estas nun vivplena, pli ol centbranĉa arbo.

En multaj lokoj, jam antaŭe, samtempe kaj poste, aliaj esperantistoj, la plej ĉefaj, klopodis por nia afero : Sinjoro Thilander, malgraŭ sia triopa korpdifekto (li ja estas blinda, surda kaj kripla), estas la iniciatoro de esperanta movada ĉe la blindŭloj, kaj li ĉiam ankoraŭ estas unu el niaj plej fervoraj pioniroj. Sinjoro Cart, en Parizo ; S-ro Adams, en Londono ; S-ro Sepulveda, en Santiago de Ĉilio ; S-ro Robin, en Bucaresti ; S-ro Harvey, en Bostono ; aliaj, kies nomojn mi ne konas en Bohemujo, Italujo, Germanujo, Meksik-kaj Brazillando, k. t. p. estis en siaj respektivaj landoj la iniciatoroj de nia afero, kaj daŭrigas senhalte sian antaŭeniradon. En la tuta esperantistaro ili nur trovas plejĝentilan, plejkuraĝigan kunhelpon.

Ĥuntempe, Esperanto estas intruata en ĉirkaŭ dudek el la ĉefaj institutoj, en iuj nur al kelkaj, en aliaj al ĉiuj lernantoj ;

La reliefe presita revuo : *Esperanta Ligilo*, dank' al la sindonema agado de Sinjoro Cart, portas ĉiumonate al pli ol ducent ĉiulandaj blinduloj la ĉefajn elĉerpaĵojn el la esperanta literaturo ;

Inter ili kaj inter la institutaj lernantoj naskiĝis iom post iom interkorespondado, kiu ĉiutage fariĝas pli intensa : Ne forpasas plu monato, en kiu nia Woluwe Blindulgrupo Esperantista ne ricevas de, ne sendas al fremdlandaj kunfratoj plej interesplenajn leterojn.

Lernolibroj kaj alispecaj ĉiujare pliiĝas.

Vorto malsuprenveninta de trono sur kiu sidadas apud plejsindona korboneco, plejlumiga scienco, vorto multvalora kaj kompetenta, venis antaŭ kelke da monatoj alporti al niaj klopodoj kuraĝigon plej ŝatindan ; Ŝia Reĝina Moŝto Elizabet' de Rumanujo, la malavara fondintino de la « Luma Blindulhejmo en Bucaresti », la klera verkistino Carmen Sylva tiun vorton elparolis :

» Mi sincere deziras, ke baldaŭ Esperanto fariĝu la potenca ligilo, kiu kunigos la tutmondan Blindularon. »

Gesinjoroj, tiun noblan deziron, mi hodiaŭ havas la honoron proponi al viaj aplaŭdoj, al via aprobo, petante vin por alpreni jenan tagordon :

« La Internacia Kongreso por plibonigo de l'blindul-
» sorto, kunveninta en Napoli en 1909.
» Konsiderinte
» Kiom da profitoj la internacia helplingvo Esperanto
» havatigos al la blindularo ;
» Kiom utila ĝin estos por niaj estontaj kongresoj ;
» Esprimas la deziron
» Ke Esperanto estu instruata en ĉiuj blindulinstitut-
» oj, kaj
» Ke ĝi fariĝu la oficiala lingvo de niaj internaciaj
» kongresoj. »

# Malnovaj belgaj kutimoj

## La festo sur la monto

Proksime de la Brabanta kaj Henegaŭa (de Hainaut) limo, troviĝas en la belga provinco Orienta Flandrujo, meze de pentrinda regiono, la koketa urbeto Gerardmonto (Geeraardsbergen, Grammont).

Je ĝia okcidenta flanko serpentumas tra fruktedonaj kampoj kaj verdaj herbejoj la Dendro ; Oriente altiĝas krute la Mal-

ĥova Monto (Oudenberg), de kies supro oni ĝuas belegan perspektivon kun larĝaj horizontoj.

Ĉiujare okazas sur tiu altaĵo, je la karnavala dimanĉo, stranga, jarcenta festo.

Miloj da vizitantoj alfluas je tiu tago en la antikvan urbeton por ĝin ĉeesti.

La civilaj kaj ekleziaj aŭtoritatuloj, la ŝtataj kaj komunumaj funkciistoj, la altranguloj de la urbo kaj de la ĉirkaŭaĵo kune kun portistoj de korboj plenaj je krakenoj kaj masteloj (lokaj kukoj) antaŭirataj de la policistaro kaj de muzikistaroj, supreniras procesie la monton kaj haltiĝas ĉe kapeleto, dediĉita al la S-ta Virgulino. Intertempe ĉiuj sonoriloj de la urbo resonas bruege, kanonpafaro ektondras kaj la disciploj de Orfeo ludas siajn plej gajajn muzikaĵojn. Kiam la dio Febus'o estas favora, neniu kontraŭstaras la deziron partopreni en la suprenirado.

Post malgranda preĝo en la kapelo, la aŭtoritatuloj suriras rezervitan estradon sur la supro de la monto, alta je 113 metroj super la nivelo de la maro.

Dum la muzikistaro ludas oni prezentas vinon, verŝitan en pokalon de ĉizita arĝento, kiu de jarcentoj oni uzas por la cirkonstanco, unue al la dekano (ĉefpastro), poste al la urbestro kaj fine al la tuta urba konsilantaro. Sed... en la suko de traŭbo,tiel ŝatita de nia pravavo Noaĥo, naĝadas junaj gobioj el kiuj ĉiu trinkanto devas almenaŭ engluti unu. Post la ensorbo de tiu novaspeca vinsaŭca fiŝaĵo, la dekano kaj la urbestro ekjetas la unuajn mastelojn al la brua popolamaso. Je tiu signalo le altranguloj jetas laŭvice ĉiuspecajn bakaĵojn ; oni konkursas por jeti plej malproksimen. La pluvo de manao ĉe la Israelidoj certe ne havis tiom da allogo, kiom tiu ĉi pluvo de frandaĵoj. La febra ĉaso por ilin ekkapti, la saltadoj de la maskitaro, la kriadoj, ĉio tio kuniĝita kun la rava panoramo kiun oni admiras de la monta supro, estas rimarkinda vidaĵo.

Vespere, je la sepa, oni ekbruligas bareleton, fiksitan al fera paliso apud la kapelo, kaj pleniĝita je gudro kaj aliaj bruleblaĵoj.

* * *

Ekzistas diversaj legendoj rilatantaj al la jarcenta festa kutimo kiun mi rememoris.

La plej kredinda estas la jena :

Dum la XIa jarcento, Gerardo de Hunnegem, fondinto de la urbo, estis la landsinjoro de la regiono ; lia nomo, Gerardo, praviĝas tiun de la urbo. Je tiu epoko, li kaj liaj du fratoj estris la sinjorlandojn Hunnegem, Assche kaj Pamel. Ĉar ili ofte militis kontraŭ aliaj landsinjoroj, ili kontraktis interligon kaj okaze de danĝero, ili vokis pri helpo unu al la aliaj, per

granda fajro, kiun ili bruligis sur la monteto de sia feŭdo: jen la deveno de la brulanta bareleto.

Ĉiujare, la tri fratoj kunvenis sur la altan monton kaj ili firmigis sian interligon per nova jejuro. Je tiu okazo ili trinkis la vinon de la paco, kaj manĝis panon kneditan kun salo, simbolo de daŭra amikeco. Post la ceremonio, ili disjetis frandaĵojn al siaj regatoj, por ke ili partoprenu en la feliĉo de la tri landestroj.

Rilato al la fiŝetoj en la pokalo, ŝajnas ke ne ekzistas kredebla klarigo.

* * *

Sur nia belga tero okazas multe da similaj festoj, tre interesaj laŭ folklora vidpunkto. Mi nur citos la konatan turniron « le Lumeçon » en Monso ; la Binch'an karnavalon ; la procesion de la relikvujo de S-ta Hermeso en Rons'o (Renaix).

Jen bela materio por legindaj artikoloj en « Belga Esperantisto », materio ĉerpita el la vivo de nia popolo mem, laŭ propra naturo kaj pentrinda originaleco.

AMATUS.

# De Hoop (1)

Een nieuw gevoel doortrilde deze wereld :
Een luide stem klinkt over land en zee ;
Nu voer' een zachte wind, haar dragend op zijn vleug'len,
Van plaats tot plaats die roepstem met zich mee !

Zij roept ons nooit tot bloed'gen strijd te zamen,
Ontrukt den man niet wreede aan zijn gezin ;
Zij leert der wereld thans, die eeuwig oorlog voerde,
Wat vrede is, en wat heil'ge menschenmin.

De « Hoop », 't symbool der scharen vrede-strijders,
Is steeds hun kracht ; een heil'ge talisman !
Hun werk draagt rijke vrucht ; verbroedering der volk'ren,
Wat « Esperanto » slechts der wereld brengen kan !

't Verschil in spraak hield land van land gescheiden,,
Verdeelde 't volk door alle tijden heen ;
Een taal die elk verstaat, schenkt onderling waardeeren,
En liefde rukt den scheidsmuur ras uitéén.

Onzijd'ge taal, dat zal de waarborg wezen
Voor wereldvreê, het hechtste fundament !
De volk'ren zullen dan elkaar in 't harte lezen,
Een wereldbond, die zich één volk erkent !

(1) Verscheen in het nr 6 van « Holando Pioniro »

Geen tegenspoed ontmoedigt onze strijders ;
Wij blijven sterk : het werk van vrede wacht !
Tot 's wereld's schoonste droom, tot eeuwig heil der volk'ren,
Eén wereldtaal — aan 't menschdom is gebracht.

(Vrij vertaald uit het Esperanto).

ZUTPHEN, Februari 1909.
H. MENALDA.
(met welwillende toestemming)

# Humoraĵoj

### La Urbano kaj la Ĉasoŝtelisto

Urbano, promenante sur la kamparo, renkontis ĉasoŝtel-iston, de kiu jam kelkfoje li aĉetis ĉasaĵon.

— Bonan tagon, Sinjoro, diris la vilaĝano, ĉu vi eliris el la urbo de kelka tempo ?

— Bonan tagon, amiko ; jes, mi eliris el ĝi de du horoj. Sed kial vi demandas min pri tio ?

— Nu, Sinjoro, ĉar mi sendis al vi belegan leporon.

— Ho ! tre bone, respondis la urbano, mi dankas vin. Akceptu tion, mia bravulo. Kaj li donis malavaran rikompencon.

— Dankon, Sinjoro. Ĉu mi povas ankoraŭ sendi ĉasaĵon ?

— Certe, ju pli ofte des pli bone. Nur, atentu pri la ĉasgardistoj !

— Ho ! nenio timinda, Sinjoro ; mi estas singardema. Ĝis revido, Sinjoro.

— Ĝis revido, amiko.

Kiam, vespere, la urbano reeniris hejmen, li demandis sian edzinon, ĉu la leporo estas bela.

— Kiu leporo ? ŝi diris mire.

— Mi renkontis nian ĉasoŝteliston, kiu diris, ke li ĵus sendis leporon.

— Mi nenion ricevis.

Efektive la leporo ne estis alveninta, kaj ne alvenis.

Kelke da tempo poste, la urbano ree renkontis la ĉasoŝteliston.

— Nu ? li ekkriis ; kaj la leporon, kiun vi sendis al mi ? Ĉu vi scias, ke mi ne ricevis ĝin ?

— Ŝajne ĝi ne volis obei !

— Kiel !

— Nu, jes ! kiam mi renkontis vin mi ĵus ekvidis leporon kaj, ĉar mi ne havis pafilon, mi tre laŭte diris al li : « Iru tuj en la urbon, al Sinjoro B....» Ĝi certe malmemoriĝis, ĉar vi scias ke la leporoj, kurante, perdas la memoron.

— Ho, ho ! tian leporon, vi sendis al mi, diris la urbano ridante : de nun, amiko, se vi sendos ankoraŭ ĉasaĵon, zorgu unue, ke ĝi havu plumbon en la cerbo !

E. V. Honincks.

—o—

### Inter pentristoj

— Kiu estas la subjekto de via pentrajo por la proksima salono ?

— La Fortuno.

— Ridinda estas elekti tian malnovajon.

— Sed... mi riprezentas ĝin sur pneŭmatika rado.

—o—

### Vera okazintajo

Promeninte, du sinjoroj babiladis. Unu marŝis sur la trotuaro ; la alia, kiu estis kripla, apogis unu kruron sur la trotuaro kaj la alian sur la strato. La unua, kiu tre balbutis, diris al la alia :

— Se vi ĉiam marŝus tiele, oni neniam scius ke vi estas kripla.

— Kaj, respondis la kriplulo, se vi neniam malfermus vian buŝon por paroli, neniu scius ke vi balbutas.

(A. Landenne).

### Trafa respondo

Advokato tre malgranda venis juĝejon por defendi sian klienton. Alia advokato, vidante lin, moke lin demandis, kiu li estas.

— Advokato !

Tiam la unua ridege ekkriis :

— Kio ! Tia malgranda advokato ? Mi ja povus vin kaŝi en mian poŝon !

— Vi povas, trankvile respondis la mokato, — sed mi rimarkigos al vi, ke tiam en via poŝo estos pli da saĝo, ol en via kapo ! (Le monde espérantiste.)

## PRI LA SPRITAJ LUDOJ (Sekvo)

**Enigmo** estas dubiga aŭ dusenca priskribo de ia persono aŭ afero. Por tia priskribo, oni uzas dirmanieron malklaran kaj eĉ ŝajne kontraŭdiran. Tre ofte la enigmo estas simpla divenajo (*france*, devinette ; *flandre*, raadsel.)

**Logogrifo** estas enigmo kunigita kun anagramo. Enigmo, ĉar oni proponas trovotan vorton ; anagramo, ĉar el tiu trovita vorto, oni proponas multon da aliaj vortoj trovotaj per ana-

gramo. Sed rimarku, ke, en logogrifo, oni povas uzi ne nur ĉiujn literojn de la vorto, sed ankoraŭ du, tri.... literojn. Kompreneble, estas necese sciigi, kiom da literoj la divenanto devas uzi por la farado de la trovotaj vortoj.

La literoj estas nomataj *piedoj*. Per la nomoj *kapo, koro, vosto*, oni montras respektive la unuan, centran, lastan literon de la vorto. Ekz. *patro* enhavas kvin piedojn. *P*estas la kapo ; *t* la koro ; *o* la vosto.

**Ŝarado** estas alia speco de enigmo, en kiu, krom la difino de la vorto mem, oni difinas ĝiajn silabojn, kiujn oni nomas : la unua, la dua..... la lasta. Per la nomo *tuto*, oni montras la vorton trovotan.

E. V. Honincks.

## PROBLEMOJ

*Enigmo*. — Mi havas nek kapon, nek piedojn : tamen pieda besto naskis min. Mi estas nek kvadrata, nek ronda. Se oni agas kun mi senperforte, kion ajn oni provos, mi kuŝos sur mia ventro kiu estas nek antaŭe, nek flanke, nek poste. Mia koloro estas nek griza, nek nigra. Mia sorto estas plorinda, ĉar plej ofte oni manĝas min tute nuda, kaj eĉ tute kruda.

*Ŝarado*. — Neniam mia unua jesas ; En vi mem mian duan vi trovos. La trian donos litera nomo ; La tuto estas parenca ino.

*Logogrifo*. — Sur miaj ses piedoj, mi estas ujo. Prenu ilin duope : vi havos silaban kapon, koron kaj voston.

1. — Sen koro, mi ĝoigas la dancamantojn. — 2. Demetu la kapon, jen mi estas rigida bandaĝo. 3. — Kontraŭe, demetu la voston, jen mi staras malhelpante. — Nun prenu du konvenajn el miaj piedoj, vi trovos :

4, 5 — du prepoziciojn ; 6, 7 — du prefiksojn ; 8, artikolon ; 9, — konjunkcion.

Tri piedoj fariĝos : 10, kolekto ; 11, elemento ; 12, metala adjektivo. Per kvar piedoj, krom la suprediritaj (1-2-3) estas troveblaj :

13, malhelpaĵo ; 14, ŝatata eco ; 15, frukto ; 16, ŝtelista ago ; 17, promenejo ; 18, adjekktivo ; 19, unu el la kvar antikvaj elementoj.

Cu vi ne opinias, ke mi estas pli ol ujo : ujego ? Tamen tre ofte mi estas malgranda !

Plantano.

# Lingva Komitato

La Esperantista Akademio eldonis la raporton de Prof. Th. Cart, direktoro de la sekcio por la Komuna Vortaro ; ĝi enhavas tabelon de ĉirkaŭ 800 novaj radikvortoj kun kvinlingva traduko. Tiu tabelo estas nun submetata al la aprobo kaj kritiko de la Lingva Komitato kaj la vortoj akceptataj estos aldonataj al nia Universala Vortaro.

Oni vidas per tio, kiel malveraj kaj partiaj estas la asertoj de kelkaj reformistoj, kiuj pretendas ke nia lingva Komitato ne laboras. Ĝi laboras malrapide, sed des pli zorge, ĉar ĝia laboro estas longedaŭra.

---

# *DIVERSAJ INFORMOJ*

**Va Internacia kongreso esperantista en Barcelono.** *Grava sciigo.* La Belgoj kiuj intencas partopreni en la kongreso de Barcelono povas akiri ĉiajn informojn pri vojaĝaj kostaj, vojplano, fakaj kunvenoj kc.—

Por plimalgrandigi la sendelspezojn, ili bonvolu sendi sian aliĝon al la kongreso al la suba adreso kaj ankaŭ la monon por la kongreso kotizajo, loĝejo, manĝajoj kc.

Ĉiajn bezonotajn informojn sendos plezurege la *Centra Belga Oficejo*, **O. Van Schoor**, farmacisto, 20, Vondelstraat, Antwerpen.

Aĉeteblaj je la sama adreso :

Esperantistaj steloj (Gasse), fr. 1.—.

Ilustritaj poŝtkartoj kun la lasta portreto de D-ro Zamenhof, fr. 0.10.

La gaja kantaro (12 kantoj laŭ regionaj konataj melodioj, fr. 0.25.

— **Alvoko al la Junuloj.** — La Grupo Esperantista Henri IV, fondita en Parizo antaŭ 4 monatoj kaj celanta la propagandon de Esperanto inter la junuloj rapide progresas. Ĝia honora prezidanto, estas *Dro-Zamenhof mem*, ĝia honora Komitato enhavas : S-rojn E. Boirac, C. Bourlet, Th. Cart, ĉiekonatajn Esperantistojn en Parizo, R. Pichon. P. Pierrotet. En Parizo, la grupo havas 3 sekciojn dependantajn de ĝi, kaj fariĝontajn memstaraj grupoj, kiam ili posedos 10 membrojn. En la provinco, ĝi organizas nun enketon pri la fondo de « Franca Federacio de la junaj Esperantistoj ». Ne bezonas insisti pri la graveco de tiu agado, kies sukceso alportos al Esperanto fortan antaŭen puŝon, sed por sukcesi la Grupo Henri IV, bezonas la helpon de ĉiuj junuloj. Ĝi do petas ĉiujn junajn samideanoj ke ili bonvolu interrilatiĝi kun ĝi, sendante informojn, avizojn. k. t. p. al kiuj la Grupo ĉiam respondos. Sin turni al la prezidanto, *S-ro F. Ruviard*, *152 Boulevard Raspail, Paris* aŭ al la sekretario *H. van Etten, 10, rue Vivienne, Paris* (2e)

— **La Revuo** en sia Marta numero malfermas enketon por kolekti faskon da deklaracioj plej taŭgaj al la ĝenerala propagando por Esperanto.

Tial estos por ĝi tre grave ricevi de la esperantistoj respondon pri la du sekvantaj demandoj :

1e *Kiel, kial* kaj de *kiu* vi estas varbita al Esperanto ?

2e Kian specialan *celon* kaj *profesian utilon* vi konsideris kaj jam ricevis ?

Oni estas petata sendi la supredíritajn deklaraciojn al la redaktoraro de *la Revuo*, 79, Boulevard Saint Germain, Paris.

3° S-ro **E.W.Outen** 76 Kimbolton Ave, Nottingham, England, volas pasigi kun sia edzino, sian someran libertempon ĉe Antverpena esperantisto. Oni skribu kondiĉojn al tiu sinjoro, kiu ankaŭ akceptas reciprokan viziton.

---

# BELGA KRONIKO (1)

**ANTVERPENO.**— La potenca ligo « Antwerpen - Vooruit ! » (*Anvers en Avant* ! *Antverpeno antaŭen* !) publikigis tre belan kart-leteron ilustritan, kun teksto pri la vidindaĵoj de la urbo en flandra, franca, germana kaj angla lingvo kaj en **Esperanto**. En la informejo por fremduloj, Meirplaco, n-o 58, niaj esperantistaj amikoj baldaŭ povos ricevi sciigojn en Esperanto. La societo « Antverpeno antaŭen » promesis sian sindonan apogon al la esperantista movado. Jen certe tre grava kaj ĝoiganta fakto.

— La jurnalo « le Matin », kiu jam tre ofte sin montris tre favora al Esperanto, enhavas en sia numero de la 2a de Junio tre interesa korespondaĵo el Huy rilate al la kunveno de la Universala Esperanto Asocio (U. E. A.), kaj subskribita de nia estimata kunlaboranto Amatus.

**BOOM.** — La 8an de Majo, nia simpatia samideano Julio Clerbaut, Prezidanto de la tiea grupo, prezentis al sia amikaro festenon okaze de sia adiaŭdiro al la fraŭla vivo. Liaj amikoj donacis lin per belega memoraĵo, aldonante siajn tutkorajn bondezirojn pri feliĉo. S-ro Camille Babilon, je la nomo de la Booma Grupo Esp gratulis S-ron Clerbaut, dankis lin pro la ĝis nun faritaj servoj al tiu grupo kaj kune kun S-ro Frans Schoofs, kiu gratulis je la nomo de « La Verda Stelo », esperis ke li daŭrigos la pacan bataladon por Esperanto. Tion ĉi la Prezidanto solene promesis.

**BORGERHOUT.** — Per la zorgoj de « La Verda Stelo » fondiĝis la 5an de Majo nova grupo nomata « Laboro » Ĝia sidejo estas en la kafejo « De Passer » Turnhoutschebaan 36.- La 19an de Majo tiu grupo organizis kunvenon dum kiu nia samideano Frans Schoofs liveris ĉiujn informojn pri Esperanto. Speciale interesiga estis la paroladeto kiun S-ro Van der Biest — Andelhof faris pri la kvar tutmondaj kongresoj kiujn li ĉiujn ĉeestis. S-ro Roe, prezidanto, dankis la du parolintajn. Li sendis ankaŭ siajn dankesprimojn al « La Verda Stelo » kiu iniciatis pri la starigo de « Laboro » kaj helpis ĝian efektivigon. Respondante al multaj petoj, la grupo decidis aranĝi someran kurson, kiu komenciĝos la 26an de Majo.

**BRUĜO**, — Laŭ la deziro de la plej sindonaj el siaj membroj la Bruĝa Grupo Esperantista daŭrigos siajn kunvenojn (interparoladojn) dum la somera periodo, la unuan kaj la trian vendredon de ĉiu monato, je la 17 1/2 horo, en la domo de la prezidanto, Speelmansrei, 10.

**S-ta TRUDO.** ( St Truiden, St Trond. ) La lokaj ĵurnaloj *Gazet van St Truiden* kaj *De stem van Haspegouw* publikigas en ŝia numero de la 29a de Majo, tre interesajn artikolojn pri Esperanto.

**WILLEBROEK.** — La jus fondita grupo « La Espero » havas 65 membrojn inter kiuj dekduon da fraŭlinoj. La ĉiusemajna kurso komenciĝis la pasintan monaton kaj plene sukcesis.

Ĝi estas farata de S-ro Camille Babilon el Boom kaj okazas en la bela lernejo por knabinoj, kiun la komunuma administracio bonvole metis je la dispono de la grupo.

OSCAR VAN SCHOOR.

(1) La grupoj bonvolu havigi siajn informojn al la subskribinta raportanto plej malfrue antaŭ la 5a de ĉiu monato. Ili ankaŭ estas petataj sendi al li la ĵurnalojn de sia urbo aŭ regiono, enhavantajn artikolojn pri Esperanto. Adreso : **Vondelstraat 20, Antwerpen.**

## Het Esperanto in den Vreemde

**SPANJE.** — De hh. Carlo Bourlet en de Ménil, die eene reis naar Spanje gedaan hebben, berichten dat het congres van Barcelona in luister alles zal overtreffen, wat onze vereenigingen tot nu toe aangeboden hebben.

Z. M. Alfonso XIII heeft het eerevoorzitterschap van het congres aanvaard : onder de hooge beschermers bemerkt men prins Carlos van Bourbon, de ministers van OpenbaarOnderwijs en van Binnenlandsche Zaken en al de hooge overheidspersonen der stad. De municipaliteit geeft een hulpgeld van 2500 pesetas en richt een groot galafeest in ter gelegenheid van het officieel onthaal der Esperantisten. Dr Zamenhof zal bij zijne aankomst door het stedelijk bestuur ontvangen worden ; de stedelijke wachten en de municipale ruiterij in groot uniform zullen hem tot eerewacht dienen. De stad stelt ter beschikking van de inrichtende kommissie 't Paleis van Schoone Kunsten ; hier zal de plechtige opening van het congres plaats hebben en het bal in nationale kleederdrachten.

De prachtige lokalen van de Hoogeschool en van de Handelsbeurs zullen het congres voorbehouden wezen ; de maatschappij « Ateneo » zal al de congressisten als eereleden opnemen ; de maatschappij « Orfeo » zal in haar weelderige zalen schitterend van licht een bijzonder feest geven met Catalaansche muziek en dansen.

Allerlei schilderachtige uitstapjes zullen door het Comiteit ingericht worden. Belangrijke prijsverminde-worden door de Fransche en Spaansche spoorwegmaatschappijen toegestaan.

**FRANKRIJK.** — De landelijke congressen van Esperanto zijn thans aan de dagorde. Zoo had op 2 Mei dat der Burgondische groepen plaats te Beaune, en dat der westelijk middenfederatie te Tours, op 30-31 Mei. Op 20 Juni werd het congres der Rhonebonden gehouden te Viennne (Isère) en op 25 Juni dat der Noordergroepen (Departementen Nord, Pas-de-Calais en Somme) te Condé aan de Belgische grens. Wij hopen dat dit laatste door vele van onze landgenooten zal bijgewoond worden die er aan zullen houden, met onze Fransche samideanoj te verbroederen. (Zie ons nummer van April, bl. 136.)

**VEREENIGD KONINKRIJK.** — De winterconcerten zijn thans door uitstapjes en feesten in open lucht vervangen. Negen voordrachten hadden in den laatsten tijd in Groot-Brittanje plaats ; de voornaamste bladen van

## L'Espéranto à l'étranger

**ESPAGNE.** — MM. Carlo Bourlet et de Ménil, qui ont fait un voyage en Espagne, annoncent que le congrès de Barcelone surpassera en splendeur tout ce que nos réunions annuelles nous ont offert jusqu'ici.

S. M. Alphonse XIII a accepté la présidence d'honneur du congrès ; parmi les hauts protecteurs on remarque le prince Carlos de Bourbon, les ministres de l'Instruction publique et de l'Intérieur et toutes les autorités de la ville. La municipalité accorde un subside de 2500 pesetas et organise une fête de gala pour la réception des espérantistes. A son arrivée le Dr Zamenhof sera reçu par les autorités communales : les gardes urbains et les cavaliers municipaux en grand uniforme lui feront escorte. La ville met à la disposition du comité d'organisation le Palais des Beaux Arts où aura lieu l'ouverture solennelle du congrès et le bal en costumes nationaux.

Les superbes locaux de l'Université et de la Bourse de Commerce seront réservés pour le congrès ; la société « Ateneo » recevra les congressistes comme membres d'honneur ; la société « Orfeo » donnera une fête spéciale avec musique et danses catalanes dans son luxueux palais étincelant de lumières. Diverses excursions pittoresques seront organisées par le comité.

D'importantes réductions de prix seront accordées par les sociétés de chemin de fer françaises et espagnoles.

**FRANCE.** — Les congrès régionaux d'Esperanto sont à l'ordre du jour pour le moment. Ainsi eut lieu le 2 mai celui les groupes bourguignons à Beaune, et le 30-31 mai celui de la fédération occidentale du Centre à Tours. Le 20 juin sera tenu le congrès des fédérations rhodaniennes à Vienne (Isère) et le 20 juillet celui des groupes du Nord(Départements du Nord, du Pas-de-Calais et de la Somme) à Condé, à la frontière belge. Nous espérons que beaucoup de nos compatriotes s'y rendront et y tiendront à fraterniser avec nos samideanoj français. (Voir notre numéro d'avril, page 136.)

**ROYAUME-UNI.** — Les concerts d'hiver sont remplacés par des excursions et des fêtes en plein air. Neuf conférences ont été données récemment dans la Grande-Bretagne ; les principaux journaux de Burnley, Hud-

Burnley, Huddersfield en Leeds nemen regelmatig artikels over Esperanto op.

« The Sheffield Weekly News » deelt alle Zondagen artiekelen mede onder de rubriek « Esperanto, notes and news about the international language ».

Te Norwich heeft de hr Privat met grooten bijval eene voordracht gehouden voor de studenten van het « Training College ». In Southsea en Worthing maakte onze ijverige beroepszanger Harrison Hill een doelmatige propaganda. In de vergadering van den nationalen onderwijzersbond te Morecombe werd eene voordracht over Esperanto gehouden ; men had er ook een zeer belangrijke tentoonstelling ingericht.

**VEREENIGDE STATEN.**—Het verslag van Majoor Straub, officieel afgevaardigde van de Unie bij 't Dresdener congres is verschenen in « The Army and Navy register » van 16 Januari j. l. Het werd tegengeteekend door den Staatssecretaris van Oorlog en was gevolgd door deze goedkeurende nota « De studie van het Esperanto moet bij 't leger aangemoedigd worden, want het is te gelooven dat de voorgestelde internationale taal geroepen is om een belangrijke rol te spelen in de betrekkingen van volk tot volk. Er wordt aanbevolen op deze quaestie de aandacht te trekken van het *Amerikaansch Rood Kruis* ».

---

Op het oogenblik waarop het tegenwoordig nummer moest ter pers gelegd worden waren onze berichten uit Duitschland nog niet aangekomen.

Uit oorzaak van overvloed van stof is deze kronijk merkelijk moeten ingekort worden.

dersfield et Leeds insèrent régulièrement des articles sur l'Esperanto.

« The Sheffield Weekly News » publie sous les dimanches des articles sous la rubrique « Esperanto, notes and news about the international language ».

A Norwich M. Privat a fait une conférence très réussie aux étudiants du « Training College ». A Southsea et Worthing notre fervant chanteur professionnel Harrison Hill a fait une propagande des plus efficaces. A la réunion de la fédération nationale d'instituteurs à Morecombe il a été tenu une conférence sur l'Esperanto ; on avait organisé une exposition très importante.

**ETATS-UNIS.** — Le rapport du Major Straub, le délégué officiel du gouvernement de l'Union au congrès de Dresde, à paru dans « The army and Navy Register » du 16 janvier dernier. Il est contresigné du Secrétaire d'Etat à la Guerre et suivi de la note approbative que voici:«L'étude de l'Esperanto dans les milieux militaires doit être encouragé, car il est à croire que la langue internationale proposée est destinee à jouer un rôle important dans les relations de peuple à peuple. Il est recommandé d'attirer sur cette question l'attention de la *Croix-Rouge américaine* ».

---

Au moment de la mise sous presse du présent numéro nos informations d'Allemagne ne nous étaient pas encore arrivées.

A cause d'abondance de matières cette chronique a du être considérablement abrégée.

Oscar Van Schoor

---

# ESPERANTO FACILA

## AL FRAŬLINO JOZINO MAJULINETO

*Kara Fraŭlino,*

Vi plendas tial ke via kurso pri Esperanto ĉesis ; vi nun ne scias kiamaniere okupi vin Esperante.

Mi opinias ke via kapableco eb igas kaj devigas vin praktike uzi la lingvon, t. e. legi esperantajn librojn kaj revuojn kaj ekkorespondi kun fremdlandanoj.

La plej granda utileco de Esperanto kuŝas en tiu korespondado. Dank'al la Zamenhofa elpensitaĵo mi rilatas kun ne malpli ol 27 landoj. Unu el miaj plej fidelaj korespondantoj estas hinda bramano. Letere mi pritraktas (1) la religiojn, morojn kaj vivmanierojn de l'Okcidento, li tiujn de l'Oriento.

Por montri al vi kiel facile vi povos kompreni la stilon de azia samideano, mi transskribos precize el lia lasta letero lian informon pri

## Madhukarismo

« Antaŭ jarmiloj, tiel kiel nun, multaj religioj dividis la mondan loĝantaron.

Vivis tiam en la hinda urbo Bradjo, sur la bordoj de la bela rivero Jamuno, eminenta saĝulo, kies nomo estis Madhukaro, t. e. *la mielfaristo* (2).

Tiu Madhukaro, post multaj pripensoj kaj komparoj, trovis veron, bonon kaj belon en ĉiu religio. Tial li ne komprenis, kial la popoloj povas interdisputadi kaj eĉ interbataladi pro religiaj aferoj.

Kaj li ĉerpis (3) la veron, bonon kaj belon el ĉiu de li konata religio, kaj, per iliaj komunaj elementoj, kunmetis ĝeneralan religion.

Kaj en unu kanto, kiun li nomis « la Triumfkanto de la tutmonda religio » li konigis al siaj kunloĝantoj (4) de Bradjo la belajn principojn de sia religia elpensitajo.

Unu el tiuj principoj estis : « Faru en tiu ĉi vivo tiom multe da bono kaj tiom malmulte da malbono kiom eble. »

Alia regulo : « Provu ĉiutage plifeliĉigi almenaŭ unu proksimulon. (5) »

Alia : « Estu severa pri vi mem, indulga (6) pri la aliaj. »

Kaj la saĝa Madhukaro sukcesis varbi multajn anojn en la bela urbo Bradjo, kiuj, je la honoro de la eminentulo, nomis la tutmondan religion *Madhukarismo* kaj sin mem *Madhukaristoj*. Tiuj ĉi portis kun si flavan (7) mielpoton el kiu ili prezentis iom da mielo al ĉiu varbota samideano.

Kaj laŭlonge de la bela rivero Jamuno, en tuta Hindujo. baldaŭ eĉ ankaŭ en ĉiu najbara lando. Madhukarismo disvastiĝis, (8) per la sonoj de la Triumfhimno, en ĉiu urbo kaj vilaĝo.

Oni povis diri ke Madhukarismo triomfis ĉie, tial ke ĉiu mondano povis aliĝi (9) al ĝi ne forlasante la specialan religion de siaj gepatroj : la saĝa elpensinto nur celis fratecon sur la tero, fratecon kaj amon antaŭ la sola kaj mema kreinta Forto de la mondo.

Sed... samtempe vivis ankaŭ en Oriento, en la urbo Brindabano, granda klerulo, (10) nomita Pistaĉo. Estis li kiu unue en sia urbo, iĝis Madhukaristo, kaj entuziasme varbis le tutan loĝantaron al la tutmonda religio, kies tiea estro li iĝis.

Nu tiu Pistaĉo miris kaj koleris tial ke tiu sentimenta religio tiom rapide estis alprenita de la homaro, kiu male ĝis tiam apenaŭ atentis liajn proprajn sciencajn produktojn.

Kaj, forgesante la noblan celon de Madhukaro, li invitis ĉiun scienculon detalete studi la Madhukarismon kaj kune ekzameni, ĉu ne alia, plej bona tutmonda religio estus ebla.

Jam post kelkaj monatoj da studo, kelkaj scienculoj kune sciigis ke ili akceptis jenajn konkludojn de la granda Pistaĉo :

1e En Madhukarismo, la elementoj de la specialaj religioj ne estas honeste riprezentataj ;

2e en la Triumfhimno, kelkaj versoj ne estas konformaj je la principoj de la versfarado ;

3e ruĝaj mielpotoj estas pli decaj ol flavaj.

Kaj, laŭ tiuj konkludoj ili ŝanĝis la tutmondan religion, nombaptis ĝin *Pistaĉismo*, kaj ekpropagandis ĝin ĉie.

Tial ke ili nomis la fidelajn Madhukaristojn malsprituloj (11) kaj sin men inteligentaj progresemuloj, ili sukcesis trompe varbi kelkajn anojn.

Sed pli malfrue tiuj scienculoj ĵaluzis unu pro la alia kaj faris novan religion kun bluaj mielpotoj, alian kun blankaj sukerpotoj, k. t. p.

Tiamaniere, tiuj generaloj, pro detalaj aferoj, blinde (12) forlasis bone organizitajn militistarojn, en kiuj ili naskis malordon kaj senkuraĝon, kaj fine ili mortigis la noblan frateceman ideon de la saĝulo . . . .

Ĉu vi konas la legendon pri la elekto de birdreĝo? La birdoj decidis elekti reĝon tiun kiu povus flugi plej alten. En la konkurso, la aglo (13) atingis la plej grandan altaĵon, sed vidis, kiam liaj fortoj estis tute elĉerpitaj, ke de sub liaj flugiloj, kaŝiĝinta kolibrio levas sin kaj flugas ankoraŭ pli alten!

Ho! kiom tiu ĵaluza Pistaĉo kaj liaj amikoj pensigas min pri malfortaj, sensignifaj kolibrioj, ruze serĉantaj sian gloron sub la flugiloj de la granda « Madhukaro!... »

*
* *

Nu, mia kara Fraŭlino, ĉu vi bone komprenis la tekston de nia hinda samideano? Ĉu jes? Decidu do korespondi kiel mi kun ĉiulandaj esperantistoj.

Eble mi renkontos vin ĉe la nacia kongreso de Verviers'o kie kunvenos certe ĉiuj agemaj belgaj esperantistoj. Tiam mi havos la plezuron prezenti al vi, neniel iom da mielo el iu flava posto, sed glaseton da bonega « Eliksiro Esperanto ».

Ĝis tiu renkonto!

Via sindona
SKALDO

KLARIGOJ

1) pritrakti. behandelen, *traiter;* — 2) mielo, honig, *miel,* faristo, maker, *faiseur, fabricant;* — 3) ĉerpi, putten, *puiser;* — 4) kunloĝantoj, medeburgers, *concitoyens;* — 5) proksimulo, evennaaste, *prochain;* — 6) — indulga, toegevend, *indulgent;* — 7) flava, geel, *jaune;* — 8) disvastiĝi, zich verspreiden, *se répandre;* — 9) aliĝi, aankleven, *adhérer;* — 10) klerulo, geleerde *savant;* — 11) malsprituloj, domkoppen, *imbéciles;* — 12) militistaro, leger, *armée;* — 13) aglo, arend, *aigle,* — 14) kaŝiĝinta, dat zich verborgen had, qui *s'était caché.*

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantista » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj (Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen).

---

I. **H. F. Adolf Thalwitzer,** Koschenbroda — Dresden. *T. E. K. A. Jarlibro, eldonita de la Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio,* kun la portreto de D-ro L. L. Zamenhof. (16 × 10) 98 paĝoj. Prezo : broŝurita Sm. 0,4 ; bindita Sm. 0,6.

II. **Esperanto Verlag Möller & Borel,** Lindenstrasse, 18-19. Berlin. ESPERANTO BIBLIOTEKO INTERNACIA. N-ro 1. *Legolibreto tradukita* de JEAN BOREL. (19 × 10), 44 paĝoj. — N-ro 2. *Fabeloj de Andersen tradukitaj de* F. SKEEL-GÖRLING. Sama formato, 42 paĝoj. Prezo de ĉiu libro : 25 centimoj = 0.10 Sm.

Jen bonvena eldono pri kiu ni sincere gratulas la ageman firmon Möller & Borel. La libretoj estas tre rekomendindaj, tiel pro sia facila, korekta stilo, kiel pro sia interesa enhavo. Mi tralegis ilin grandplezure.

III. **Presa Esperantisto Societo**, 35, rue Lacépède, Paris. *Literatura Almanako de Lingvo Internacia* (18 × 12) 94 paĝoj. Prezo ne montrita.

Tiu interesa libro enhavas plej rimarkindan artikolon « la Jaro 1908 » skribitan de D-ro P. CORRET, — la tre similajn portretojn de la akademianoj S-roj Boirac, Bein (Kabe), Mybs, Grabowski, Th. Cart, de Saussure, Gaston Moch, John Ellis Evstiféieff, Paul Nylen, Villanueva kaj Wackrill kun literaturaĵoj verkitaj de ĉiu el ili — kaj fine tre humoran fantaziaĵojn de ERA, kiu priskribas solenan kunvenon de niaj akademianoj, kiel la pedelo de la klera gildo ĝin vidis... en sonĝo, kaj kiel ni vidas niajn eminentulojn... karikature. La karikaturoj estas tre sprite elpensitaj kaj majstre desegnitaj de LUDOVIKO RODO.

IV. **Eldonejo de V-vino P. J. Casie & infanoj**, Scheldestraat, 14, Antwerpen.

*Pajleroj kaj Spikoj*, kolektitaj de la lernantinoj de la supera virina kurso de la Antverpena grupo esperantista (1908-1909). Prezo 50 centimoj = Sm. 0,2.

Jen kokete presita, tre rekomendinda libreto de (20×13) 48 paĝoj. Mi rekomendas ĝin varme al miaj esperantistaj amikoj kiuj certe, legos ĝin kun granda plezuro.

V. **Librairie Hachette et C**[ie], Boulevard Saint Germain, Paris.

A. *Brazilio, Parolado de* S-ro EVERARDO BACKHEUSER, *Prezidanto de la Brazila ligo Esperantista, farita ĉe la « Societo de Geografio » en Parizo* (21×14), 28 paĝoj. Prezo fr. 1,50.

La 9[an] de Decembro 1908, en la granda salono de la «Societo de Geografio» en Parizo, S-ro EVERARDO BACKHEUSER, helpa profesoro ĉe la Politeknika Lernejo de Rio de Janeiro, prezidanto de la Brazila Ligo Esperantista, faris paroladon pri sia lando.

La kunvenon prezidis lia Ekscelenco S[ro] GABRIEL DE PIZA, plenrajta ministro de Brazilio en Francujo.

S[ro] Prof. CARLO BOURLET faris unue mallongan parolodeton por prezenti la oratoron al la publiko, poste sukcesplene S-ro EVERARDO BACKHEUSER faris sian paroladon kaj fine lia Moŝto, S-ro plenrajta ministro, GABRIEL DE PIZA, diris kelkajn tre afablajn vortojn pri Francujo, pri la paroladinto kaj pri Esperanto, kiuj vekis entuziasman aklamon.

Tiu okazaĵo estas, kiel diris S-ro BOURLET, kvazaŭ historia fakto kaj cetere la parolado de S-ro Backheuser estis interesplena resuma studo pri Brazilio, tial la « Revuo » publikigis la tekstojn de la **tri paroladoj** faritaj dum tiu memorinda vespero,

eldonante la ĉi supre cititan libreton, kiu estas ornamita de belaj ilustraĵoj.laŭ kliŝoj de la Pariza eldonista firmo AILLAUD KAJ K°.

B. EDMOND ABOUT. *La Reĝo de la Montoj*,esperantigita de GASTON MOCH, esperantista akademiano, (21×14) 248 paĝoj. Prezo fr. 3.50.

La verko de Edmond About « le Roi des Montagnes » estas universale konata kaj ŝatata. Laŭ la 153a milo de la franca eldono Gaston Moch liveris tre sukcesintan esperantan tradukon. La libro enhavas 158 ilustrajojn de Gustave Doré kaj estas, laŭ la laŭdinda kutimo de la firmo Hachette et Cie, tre zorge, sur bona papero presita.

AMATUS.

---

# LITERATURA PARTO

## LA MORTO DE LA MALJUNA CAPELLEMANS

*El la bela romano « Pauline Platbrood »*

DE

LEOPOLD COUROUBLE.

**Leopold Courouble** naskiĝis en Bruselo dum la jaro 1864.

Li skribis multajn tre meritplenajn verkojn, inter alie diversajn kies subjektoj estas prunteprenitaj el la vivo en Kongolando, kiun li vizitis. Sed li estas ĉefe konata kiel historiisto de la familio Kaekebroeck. En tiu burĝa epopeo, li pentris kun granda kaj profunda observa spirito la bruselan vivmanieron de la malalta urbo — *le bas de la ville* — kaj prezentas siajn heroojn iel ironie, tamen tiamaniere ke oni eksentas simpation por la personoj kiujn li priskribas ; metiistoj, negociistoj, rentuloj, ĉiuj kun originala parolmaniero, plenaj je bonhumoro, sincereco kaj — saneco.

Tiu humoristo multfoje ĝojigas siajn legantojn, sed kelkfoje li fariĝas kortuŝanta kaj skribas tre sentplenajn paĝojn.

---

Tiun merkredon, patro Capellemans estis plej malsanega : la kuracisto deklaris ke li ne pretervivos la nokton.

François maldormis de tri tagoj en la granda ĉambro de l'unua etaĝo ; apenaŭ li estis ripozinta dum kelkaj horoj pro la petegoj de Rosalie. Kaj li restadis tie, senkuraĝe, senlarme, auskultante la babilon de l'malsanulo iĝinta pli parolema ol iam dum lia deliro.

Oni estis dirinta ke la maljunulo rememoras sian tutan junectempon. Li gloris sian karan preĝejturon ; li vidis stratojn, pontojn, trinkejojn tre malnovajn kiuj de longe malaperis. Li vokis siajn amikojn, li ekkoleris kontraŭ S-ro Platbrood, kiun li insultadis per buŝo tordita kaj siblanta. Kelkfoje li eksilentis unu momenton, por tamen tuj rekomenci la laŭdon de l'malnova urboparto kaj glori la Senne kiu iam serpentumis tra la popolriĉa kvartalo.

Vespere, li subite kvietiĝis kaj retrovis la saĝon. Tiam, ekvidante sian filon, kiu v ŝis lian frunton, li diris per voĉo mallaŭta sed tre komprenebla :

— « Ĉu ne, Suske, daŭras longe morti ? »

« Silentu, paĉjo » respondis la junulo. » Morgaŭ vi sidos ree en via apogseĝo. »

La maljunulo iomete ekridetis kaj murmuris :

— « Morgaŭ, morgaŭ... »

Li deziris ke oni levetu lin iom pli, kaj kiam li estis apoganta sur la kapkuseno :

— « Ho, mi estas tiel malgaja, li diris, foriri kiam vi havas tiom da malĝojo ! Sed, fileto, vi devas esti kuraĝa .. Cetere, mi pensas ke tio finiĝos baldaŭ... Vi scias kie estas la ringo de Patrino. Nu, ĝi estas por Paŭline... Vi ĝin donos je mia nomo al ŝi... »

Kaj ekvidante sian malfeliĉan servistinon plorantan silente :

— « Nu, venu, Rosalie, prenu mian manon... Mi ne forgesis vin. Sed vi bone prizorgos miajn nepetojn, ĉu ne ? »

— « Ho, Sinjoro ! » ekploregis la bona virino, rulante sur la liton sian maljunan kapon, senkonscience pro malĝojo.

Li ne plilonge parolis, ŝajnis dormeti. Kaj dolĉe li mortis je la deka, inter la brakoj de sia filo.

* * *

La morgaŭan vesperon, oni kuŝigis la maljunan Capellemans en la duoblan ĉerkon. La laboristoj estis alportintaj perlan kronon : tre kortuŝataj, ĵetante la benitan akvon per buksbranĉeto, ili vicepasis antaŭ sia Mastro kies vizaĝo dormis kviete, tre bele meze de l' fluo de la blanka barbo kaj hararo.

Jam la lutferoj ruĝiĝis en la fajrovazo, kaj François, laborvestite, kovrite per sia leda antaŭtuko, per la blovilo plifortigis la fajron. Car, rifuzinte ĉian helpon, li estis volinta fermi mem la grandan zinkan keston.

Kiam ĉio estis preta, li kliniĝis kaj liaj lipoj multajn fojojn kisis la glacian frunton de l'mortinto. Fine li surmetis la metalan kovrilon kaj komencis la lutlaboron je la lumo de la torĉoj.

En la fundo de l'ĉambro, Rosalie rigardadis, senbruigante siajn plorojn, tenante la naztukon sur la buŝo.

Sed li, tre kviete, havante la atenton fiksitan sur la laboro, laboradis metode, rampante sur la genuoj ĉirkaŭ la grandega ĉerko.

Post duonhoro, la laboro estis finita. Tiam li surmetis la lignan mantelon, ŝraŭbis ĉiujn kuprajn bulojn, kriigante la kverkaĵon per la premo de la ŝraŭboj.

Li restariĝis. Sed kiam li vidis la longan flavan skatolegon pretan por la forigo, grandega kortuŝo lin ekkaptis : li ne povis sin reteni ; liaj larmoj ekspruĉis kaj ŝanceliĝante, li ekkriis per korŝiranta voĉo :

— « Ve ! mi estas tute sola nune ! »

Kaj li pripensis la suferojn, la bonecon de sia maljuna patro ; kaj li subite memoris aregon da amaĵetoj de l'kara viro ! Kaj li riproĉis al si, ke li ne estas aminta sufiĉe sian patron.

Li falis sur seĝon antaŭ la lito, kaj havante la kapon en la litkovriloj, li longtempe ploradis, preskaŭ sufokiĝante pro ploregoj.

Kaj jen la sonorilaro de S-ta Katerino ekkomencis mortsonoradi anoncante la funebran diservon de l'morgaŭo. Tiam, pripensante la amegon de la plumbisto al la fidela preĝejturo kiu festis lian edziĝon kaj hodiaŭ ploras lian morton, la junulo ekiĝis en nova ploregado.

Sed je la momento kiam la sonorado eksilentis, mano prenis malforte la ŝultron de François.

— « Nu, mia kara, vi devas esti kuraĝa...

Li levas siajn plorplenajn okulojn kaj rekonis Joseph Kaekebroeck.

Li ekpremis liajn manojn :

— « Mi estas sola ! » li ekĝemis en nova malespero « mi estas tute sola ! »

Joseph lin starigis kaj igante lin turniĝi :

— « Ne, » li diris,, « rigardu... »

Tiam, en la malfermo de l'pordo, en la hela lumo de la lampo kiun Rosalie levis super sin je la tuta longeco de sia brako. François ekvidis junan fraŭlinon tre belan, kiu genufleksis, streĉante al li siajn petegantajn manojn.

— « François, François, pardonu al mi !...

Li rigardis ŝin mire, nenion komprenante ĝis nun, tiom li estis malfortiĝanta pro laceco kaj larmoj. Envolvite en larĝa mantelo kies multaj faldoj disiĝis tere, havante sian hararon disvolvitan sur la ŝultroj kvazaŭ unu al jenaj sanktaj virinoj de Rubens, plorantaj je l'piedo de l'dia kruco.

Li kredis je supernatura aperaĵo. Subite li ekkriegis :

— « Pauline ! »

Li kuris al ŝi por ŝin levi...

Kaj la geamantoj rigardis unu la alian, la manojn en la manoj, la okuloj, en la okulfundoj, ne sciante paroli. Kaj subite ili sin ĵetis en la brakojn unu de l'alia kaj kisis unu la alian, skuataj per ploregoj, preskaŭ senkonsciaj pro amo kaj pro doloro..

* * *

Tiam la bona Joseph Kaekebroeck elparolis tiujn ĉi profetajn vortojn :

— « Ploru, ploru, karaj geamikoj ! kvietigu viajn korojn ! Sed pripensu ke la bona patro Cappellemans vidas vin kaj malĝojiĝas pro via ĉagreno. Konsoliĝu ! Estos ree ĝojo !... S-ro Platbrood pardonos al Pauline kaj — mi certigos tion al vi — vi geedziĝos je la oredziĝo de Geavoj Van Poppel ! »

Kun afabla promeso de la aŭtoro esperantigis

D-ro W. Van der Biest.

*Danujo.* — **Dana Esperantisto** (Dane). — 2 fr. 75. — *Gyldentævesgade, 16, Kopenhago K.*

*Estlando.* — **Estlanda Esperantisto** (Este), — 2 fr. 75, — J. A. Ruhamägi, *Weike Kalamaga uul. 7, k. v. Revel* (Rusujo).

*Filipinaj Insuloj.* — **Filipina Esperantisto** (Angle, Hispane, Tagaloge) — 5 ft. — *P, O. Box, 326, Manila.*

*Finnlando.* — **Finna Esperantisto.** — 3 fr. — Ilarejo Esperantista, *Helsingfors.*

*Francujo.* — **Franca Esperantisto** (Esp., kaj france). — (3 fr.) 4 fr. — F. de Menil, 46, *Boulevard Magenta, Paris.*

*Francujo.* — **Le Monde Espérantiste** (France). — (1 fr. 25) 2 fr. — 3, *rue Sophie Germain, Paris.*

*Francujo.* — **L'Informilo** (France). jarkvarona. — 8, *rue de Rome, Calais,*

*Francujo.* — **Paris-Esperanto** (France). — 1 fr. 50 — V. Chaussegros, 3. *place Jussieu, Paris* (V^e^)

*Francujo.* — **Lorena Esperantisto** (France). — Esperantista Grupo en *Nancy.*

*Francujo.* — **La Normanda Stelo** (France) — (1 fr.) 2 fr. 50 — Liébard kaj Leroux, 41, *rue de la Vicomté,* Rouen.

*Francujo.* — **Sarta Stelo** (France). — 1 fr. — Lepeltier, 14, *rue Scarron, Le Mans.*

*Francujo.* — **Norda Gazeto** (Esp. kaj france) 1 fr. — E. Deligny. *boulevard Vauban, Saint Omer.*

*Germanujo.* — **Germana Esperantisto** (Germane) — (3.05 Mk) 5 fr. Möller kaj Borel, *Lindenstr.* 18/19, *Berlin S. W.*

*Germanujo.* — **Germana Esperanto-Ĵurnalo** (Germane) dusemajna. 5 fr. — H. Wuttke, *Pionierstrasse, Magdeburg.*

*Germanujo.* — **La Saksa Esperantista** (Germane). — 1 fr. 25. Fritz Stephan, *Leipzig.*

*Germanujo.* — **La Esperantisto** (Esp. kaj Germane) — 3 fr. 50 — 27, *Talstrasse. Leipzig.*

*Hispanujo* (Vidu ankaŭ : *Katalunlando*). — **Suno Hispana** (Hispana) — 3 fr, — Rafael Duyos, *Cirilo Amoros 28, Valencia.*

*Holando.* — **La Holanda Pioniro** (Holande) — (3 fr, 15) 3 fr. 75. — *Singel, 386, Amsterdam.*

*Hungarujo.* — **Hungara Esperantisto.**, — (Hung. Esp.) — Sekretaria oficejo ; *Alparutca, 8, Budapest* VII.

*Italujo.* — **Notizie Esperantisto** (Itale). — Giovanni Castiglia, 6 *Via S. Agostino Palermo.*

*Katalunlando.* — **Stelo Kataluna.** (Hispane. Katalune) — 3 fr. — 30 *Rambla SanIsidroIgualada* (*Barcelona*).

*Katalulando.* — **Tutmonda Espero** ( Katalune ) — 3 fr. — Mikaelo Clases, *Paradis* 12. 1.. *Barcelona.*

*Japanujo,* — **La Japana Esperantisto** ( Angle Japane ). — 4 fr. — 3 *Ĉome Ĵurakco Kojimaaik, Tokio.*

*Meksiklando.* — **Esperanta Gazeto** ( Hispane ) Jare 1 fr, 90 — *Ap.* 114. *Guadalajara.*

*Meksiklando.* — **Meksika Revuo** ( Hispane ) — 2. fr. 50. — *Cocheras,* n. 2. *Mexico.*

*Meksiklando.* — **La Verda Stelo** ( Hispane ). — 5 fr. — Dr A. Vargas. 3° *del Relox,* u. 12, *Mexico.*

*Peruo* — **Antaŭen Esperantistoj !** ( Hispane ). — 3 fr, — Ant. Alvarado 109. *calle Lartiga, Lima.*

*Polujo.* — **Pola Esperantisto** ( Pole ). — 3 fr. *Hoza* n. 48 m, 8 *Varsovio.*

*Rumanio.* — **Rumana Gazeto Esperantista** ( Rumane-Esperante ), — 3 fr. 16, *str. Coltei Bucarest.*

*Rumanujo.* — **Rumana Esperantisto.** ( Rumane ) ( 4 fr. ). 5 fr, — 5. *strada* I. C. *Bratianu Bucarest.*

*Rumanujo* — **Rumena Gazeto Esperantista** ( Rumane ). — 3 fr. — 1. *strada Speranta, Galatz.*

*Rusujo.* — **Ruslanda Esperantisto** ( Ruse. Esp. ) — 8 fr, — Sto Espero *Nicolaevskaja.* 33. *loĝ 24. St. Petersburgo.*

*Svisujo.* — **Svisa Espero.** — (2 fr. 50). — 3 fr. — *8, rue Bovy-Lysberg. Genève.*

*Usono.* — **Amerika Esperantisto** ( Angle ) — 5 fr. 20. — *American Esperantist Company, 186, Forteeth street. Chicago.*

*Usono.* — **The Esperanto News** ( Angle ). monatduona. — 5 fr. 20. — 10 *Walstreet. Room 510, New-York,*

*Usono.* — **The Esperanto Student**, ( La Studento de Esperanto ) Esp. kaj Angle.) — 2 fr. 50 — John H. Brown. *23, Meadow road, Rutherford* (Usono, Jersey).

# REKOMENDATAJ LIBROJ

*Eldonejo de* A. J. WITTERYCK DELPLACE. *4, Nieuwe Wandeling (Nouvelle Promenade),* BRUGGE (*Bruges*).

A. J. WITTERYCK. — *Het Esperanto in tien lessen,* naar het werkje van Cart en Pagnier. Fr. 0.60

M. SEBRUYNS-VROMANT. — *Spraakleer en oefeningen der internationale taal Esperanto,* bewerkt naar L. de Beaufront. 1.—

A. J. WITTERYCK. — *Kelkaj floroj esperantaj.* 5 libretoj de 24 paĝoj, ĉiu 0.25

Sino VAN MELCKEBEKE-VAN HOVE. — *Blinda Rozo,* de Hendrik Conscience, kun 4 bildoj. 1.—

Dro M. SEYNAEVE kaj Dro R. VAN MELCKEBEKE. — Paĝoj el la flandra literaturo. 1.60

—o—

*Eldonejo de* J. VAN HILLE-DE BACKER, *35, Zirkstraat,* ANTWERPEN (*Anvers*).

Fr. SWAGERS kaj Ad. FINET. — *La Ĉiutaga Vivo,* verkita laŭ la Gouin'a metodo, kun klarigoj en flandra kaj franca lingvo. Fr. 1.—

—o—

*Eldonejo* HACHETTE et Cie, *79, Boulevard St-Germain,* PARIS.

MICHEL BECKER et E. GROSJEAN-MAUPIN. — Cours élémentaire pratique d'Esperanto, d'après la méthode directe combinée. Fr. 1.—

CAMILLE AYMONNIER et E. GROSJEAN-MAUPIN. — Cours méthodique d'Esperanto. Thèmes. 1.20

LES MÊMES. — Cours méthodique d'Esperanto. Versions. 1.20

—o—

PRESA ESPERANTISTA SOCIETO, *33, rue Lacépède, Paris.*

Dictionnaire français-esperanto et esperanto-français, avec préface de Th. Cart, relié. Fr. 4.50

—o—

LIBRAIRIE DE L'ESPERANTO (*G. Warnier et Cie*). *15, rue Montmartre, Paris.*

GABRIEL CHAVET et GEORGES WARNIER. — Esperanto-Manuel. Fr. 1.—

LUIGI GIAMBENE. - Tra la Esperanta literaturo. 1.15

—o—

*Esperanto-Verlag* MÖLLER UND BOREL, *Lindenstr. 18/19, Berlin S. W.*

Dro KABE. — Unua Legolibro. Fr. 1.50

—o—

H.r HONIG, uitgever te Utrecht. — Woordenboek Esperanto-Hollandsch. Gl. 1.25